## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Tritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

16-a jaro (Numero 5) 1937.

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan 19 Karlskrona, Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando).

# Post brila komenco brilega fino.

## Raporto pri la pariza konferenco.

Se ne ekzistus ombroj, oni entute ne povus vidi la lumon! Nuba estis la Pariza ĉielo en pli ol unu signifo: pluvis, almenaŭ pluvetis, kaj laŭ la humoraj vortoj de generalo Bastien neniu konferencano estis forlogata de la brilega ekzpozicio — ĉar ĝi entute ne estis malfermita! Kaj kompreneble ni devis atendi: la plej grava tasko de konferencano.

Sed kiel brila estis tamen la festo. Kiu konferenco ankoraŭ vidis inter siaj prezidantoj unu ministron kaj unu vicminstron? Kiel majesta estis la malferma kunsido en teatro de Champs Elysées, senpage disponigita al la konferenco, fare de la ekzpozicia estraro; kiel bongustega por tiuj, kiuj povas manĝi sen danĝero por sia stomako, estis la bankedo; kiel delikata, la dramo, bonege prezentata de profesiaj aktoroj; kiel sprita la montmartra revuo de Raymond Schwarz.... Jes, oni ne povas mencii ĉion, mi nur volas bedaŭri tiujn, kiuj ne povis partopreni.

Tamen, la konferenco ne nur dancis kaj amuziĝis, ĝi ankaŭ laboris laŭ fiksita, bone organizita programo. Sed ankaŭ koncerne tion mi nur devas priparoli tiom, kiom precipe interesas *niajn* legantojn: la unua sekcio pri esperanto en la lernejoj.

Prezidis en tiu sekcio profesoro Pariselle, direktoro de la universitato de Besançon, kaj kiel vic-prezidantoj funkciis profesoro Waringhien kaj la prezidanto de TAGE, profesoro Beckman. Profesoro W. en sia salutparolado forte laŭdis la iniciaton de TAGE koncerne la enketon, kiu povis doni firman bazon por la tuta laboro, kaj precipe instigis la partoprenantojn baziĝi sur faktoj kaj fari praktike valorajn konkludojn, kiuj ne malaperas inter la rozkoloraj nuboj.

Unue prelegis sinjoro Beckman per laŭtlegado de la raporto pri la TAGE-statistiko kun kelkaj aldonoj precipe pri la spertoj en Anglujo. Poste raportis fraŭlino Faucher pri la *unuagrada instruado*. El la respondoj de la enketo pri tiu temo ŝi precipe substrekis, ke ĉiuj respondintoj deziris la enkondukon de esperanto en la unuagradan

lernejon, sed kelkaj ne deziris devigan instruadon. Oni preferis, ke la instruisto mem instruas, tamen, se oni povas disponi pri eksterlanda esperanto-instruisto, li povas fari modelan lecionon. Multaj laŭdis la Ĉe-metodon, kaj oni deziris 2 horojn posemajne dum la kvina lerneja jaro. La raportantino ankaŭ menciis multajn interesajn raportojn pri personaj spertoj sed ankaŭ pri sufiĉe gigantaj reformplanoj. Ŝi opiniis, ke oni unue devas enkonduki esperanton en la seminariojn, ĉar tiam oni post 3-4 jaroj havos sufiĉe da bonaj instruistoj.

Profesoro Waringhien raportis pri la *duagrada instruado*. Nuntempe oni precipe povus akiri la rajton fari eksperimenton kun esperanto tiamaniere, ke oni instruus la lingvon dum duonjaro en unua klaso de duagrada lernejo kaj poste farus provon pri la lingvaj scioj ĉe fino de la jaro inter tiuj, kiuj lernis esperanton kaj tiuj, kiuj ne lernis ĝin. Por akiri geinstruistojn oni provizore devas aranĝi somerajn kursojn. *)

La idealo certe estas, ke oni instruas esperanton en la unuagradaj lernejoj, sed provizore oni ankaŭ povas provi instruadon en la unua klaso de duagrada lernejo dum 4 horoj posemajne. Aliaj fremdaj lingvoj tiam devas atendi ĝis la dua jaro, kaj oni uzos esperanton precipe kiel „iniciatilo kaj komprenilo" por la lingva studado. *Pro tio la direkta metodo ne estas rekomendinda, la miksita preferinda.* En la postaj klasoj oni instruos dum duonhoro posemajne kaj en la ekzameno de la duagrada lernejo oni aranĝos provon ankaŭ pri esperanto kiu donos al la lernantoj kromajn poentojn. Sed por tiu instruado oni bezonas specialajn instruistojn, kaj tial oni ankaŭ en tiu kazo devas pripensi la seminariojn.

Pri la *supera instruado* raportis profesoro Dejean de la universitato de Grenoble. Li substrekis la gravecon de esperanto por ĉiuj studadoj komparaj, sed konfesis, ke la rezultoj ankoraŭ estas malgravaj, precipe por la trostreĉado de la studantoj. Li rekomendis kursojn en la diversaj fakultatoj. —

Post ĉiu raporto sekvis diskutado, dum kiuj parolis precipe sinjoroj Aarse kaj Glück, (Nederlando), Parker kaj Scots, (Anglujo), Paris, (Francujo) kaj Sygnarski, (Polujo).

Precipe oni plendis pro manko de sufiĉe spertaj instruistoj, ĉar amatoroj ofte faras pli da malutilo, ol da utilo. Ankaŭ mankas lernolibroj, legolibroj, korespondantoj k.t.p. Same kiel la plej multaj raportintoj, la parolantoj postulis devigan instruadon, ĉar la libervola instruado, ne donas bonajn rezultojn kaj devigas la instruiston al diversaj ludoj, amuzoj k.t.p., kiu havas malgrandan pedagogian valoron. Ankaŭ la gepatroj povas malhelpi la instruadon, ĉar ili nur pripensas ekzamenojn, kaj, se infano, kiu lernis esperanton, malsukcesas, tuj

*) T.A.G.E. jam havas definitivajn planojn pri tiuj seminarioj kaj pri la realiĝo niaj legantoj baldaŭ sciiĝos (Red.).

ja kulpos nur esperanto! Sed ankaŭ la lingvo mem povas kaŭzi malfacilaĵojn, ĉar la infanoj trovas ĝin sufiĉe malfacila por ĝia logika konstruo, kiu devigas ilin al pensado kaj ne nur al mekanika studegado. Oni ankaŭ avertis pri statistiko, la ciferoj en la TAGE-statistiko estas de tre malsama valoro. Precipe en Anglujo la scioj de la sescent raportitaj infanoj estas tre variaj.

Diversaj sugestoj aperis. Sro Aarse rekomendis kiel provo fari prelegon kun lumbildoj por la gepatroj, kies infanoj tradukos frazon post frazo en la nacian lingvon. Li ankaŭ ŝatis draman prezentadon, ĉar tiam la infanoj lernas vivi en la lingvo. Sro Glück menciis sian tre sukcesan paroladon antaŭ la ministro por instruo kaj 40 inspektoroj, faritan antaŭ kelkaj monatoj en Nederlando; profesoro Sygnarski, bultenon en pola lingvo pri esperanto en la pola instruistaro, kiun li elsendis al preskaŭ 1.500 mezlernejoj, vekante tiamaniere intereson por nia lingvo en rondoj, kiuj antaŭe preskaŭ nenion aŭdis pri ĝi. Sro Paris substrekis, ke oni devas eluzi la egoismon de la instruistoj, kiuj ofte per esperanto povas ricevi kromhorojn en la lernejo kaj tial ankaŭ pli bonan salajron.

Speciala sperto estas precipe menciinda. En la universitato de Besançon oni faris la jenan eksperimenton. Kun permeso de la ministro por instruo kaj la direktoro, profesoro Pariselle, la novbakita esperanto-instruisto, sro George, ekde unua de februaro ĉijare instruis esperanton al diversaj infanoj inter 13- kaj 16-jaraj. Dum la instrua tempo okazis la paska libertempo kaj krom tio kelkaj el la infanoj devis studegi por gravaj ekzamenoj. Ankaŭ en aliaj kazoj la grupo ne estis homogena: kelkaj jam iom studis esperanton, kelkaj ne. Kun tiuj infanoj sroj Beckman, Glück kaj Sygnarski faris ekzamenon antaŭ la konferenco, demandante la infanojn pri diversaj ĉiutagaj aferoj, kaj ili tre bone sukcesis. Certe la eksperimento estas daŭrigata, kaj krom tio sro Waringhien povis sciigi dum la ferma kunveno, ke *la vicministro por teknika instruado decidis enkonduki esperanton en ĉiuj teknikaj lernejoj en Francujo.*

Do, post brila komenco brilega fino. Kaj la prezidanto de TAGE certe pravis, dirante en sia dankparolado dum la ferma kunsido: „Nun la vico estas je ni, nun estas nia devo utiligi kaj efektivigi la rezultojn de la konferenco. Kaj mi promesas, ke nia organizo faros sian plejan eblon. Kondiĉe ke vi ĉiuj subtenos nin, ni volas elteni ĝis la fina venko!" La aplaŭdoj de la ĉeestantaro certe pruvis, ke la graveco de TAGE kaj ties laboro nun komencas esti rekonata en ĉiuj esperantistaj rondoj.

Bj Beckman

# Jarraporto pri T.A.G.E.

Verkonte la jarraporton kiel administranto-kasisto de TAGE, kaj trafoliumante protokolojn, jarkolekton 1936-an de IPR kun diversaj korespondaĵoj, mi ne povas ne komenci per ia optimismo. Kvankam la nombro de la anaro ankoraŭ ne montras fortan kreskon, ni entute ne povas esti malkontentaj pri la rezultatoj de la pasinta jaro. La signifo de nia laboro ja ne nur respeguliĝas en la nombro de anoj, sed precipe en la faritaj laboroj, publika rekono kaj esperplenaj perspektivoj. Krome por asocio kia nia, pli valoras kerno, eĉ malgranda, da celkonsciaj kunbatalantoj ol granda amaso da anoj, kiuj nur venos al ni, kiam ili rajtas esperi de nia asocio iajn profitojn. Provizore nia laboro estos pionira. Al tiuj gekolegoj, kiuj dediĉis sin al tia laboro, mi volas transdoni la korajn salutojn de nia estraro, kun dankoj pro ilia fido al nia movado.

En antaŭa jarraporto mi diris, ke ni jam atingis la plej malaltan punkton en „nia" krizo, kaj ke ni progresas. Pli ol evidentiĝas el miaj ciferoj, la superrigardo de la tuta tereno (ankaŭ por la jam komenciĝinta jaro 1937-a) pravigas ĉi tiun eldiron. Ni administris ĝis la 1-a de januaro 1937-a, 370 anojn; nome:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Alĝerio | 1 | Italujo | 2 |
| Aŭstralujo | 1 | Japanujo | 1 |
| Aŭstrujo | 2 | Jugoslavujo | 10 |
| Belgujo | 3 | Kanado | 1 |
| Brazilio | 1 | Latvujo | 7 |
| Britujo | 29 | Litovujo | 5 |
| Bulgarujo | 16 | Nederlando | 64 |
| Ĉeĥoslovakujo | 40 | Ned. Hindujo | 1 |
| Ĉilio | 1 | Norvegujo | 4 |
| Ĉinujo | 1 | Nov-Zelando | 1 |
| Danujo | 11 | Polujo | 5 |
| Egiptujo | 1 | Danzigo | 1 |
| Estonujo | 8 | Portugalujo | 2 |
| Francujo | 11 | Rusujo | 1 |
| Germanujo | 11 | Svedujo | 115 |
| Grekujo | 1 | Svisujo | 2 |
| Hispanujo | 2 | Usono | 7 |
| Hungarujo | 1 | Totale: | 370 |

Komparante ĉi tiujn nombrojn kun tiuj de la antaŭa jaro, ni rimarkas ke precipe Ĉeĥoslovakujo konsiderinde progresis, dank' al la energia propaganda laboro de nia tiea reprezentanto, k-o Kilian. Kio tie okazis, ankaŭ povos okazi aliloke, karaj gekolegoj!! Ĉie nun regas la signalvorto: „Esperanto en la lernejon"; ke la instruistaro subtenu tiun kaj partoprenu la agadon, kiu post ankoraŭ multaj jaroj, tamen devas alporti al nia movado la finan venkon. Varbu do kaj

propagandu TAGE, la fakan organizon, kiu multe povos influi la laborojn por la enkonduko de Esp. en la lernejajn instruplanojn.

La financa stato de nia asocio koncize estas la jena:

| ENSPEZOJ: | | ELSPEZOJ: | |
|---|---|---|---|
| saldo 1935-a . . | Fl. 87.52 | presejo . . . . . . | Fl. 285.62 |
| kotizoj de la anoj . . | - 507.26 | afrankaj elspezoj | |
| „Junularo kaj Mondpaco" | - 3.30 | de la sekretario | - 10.76 |
| anoncoj . . . . . . | - 7.00 | „ redaktoro | - 5.10 |
| donaco TAGE-karavano | - 17.00 | „ administranto | - 61.06$^5$ |
| donaco alia . . . , | - 14.80 | „ ekspedanto | - 63.66 |
| | | materialo por ekspedo kaj administrado . . | - 12.71 |
| | | kliŝoj . . . . . . . | - 12.03 |
| | | kostoj monŝanĝo . . | - 0.28 |
| | | cirkuleroj . . . . . . . | - 4.00 |
| | | saldo . . . . . . . | - 181.65$^5$ |
| Totale: | fl. 636.88 | | fl. 636.88 |

Dum la jaro 1936-a, TAGE plenumis sian promeson, rilate al la aperado de la organo. Ĝi aperis 6 foje po 16 paĝoj. La lastaj du numeroj iom plibeliĝis; dank' al financa helpo de iu „nekonata" amiko ni povas eldoni IPR kun kovrilo, pli bona papero kaj kliŝaĵoj. La jam aperintaj numeroj en 1937-a, montras ke TAGE daŭrigos sammaniere kaj ke IPR prosperas.

Krom la korespondaĵoj de la sekretario kaj redaktoro, 821 poŝtaĵoj estis forsendataj de la administranto.

La laborkomitato kunvenis ĉiumonate. Precipe grava estis la kunveno en kiu ĉeestis ĉiuj estraranoj, okaze de la vizito de nia prezidanto al Nederlando. Evidentiĝis, ke inter la estraranoj regas plena harmonio pri la gvidprincipoj de nia asocio, tiaj, kiaj ili respeguliĝas en IPR.

La karavano el Nederlando al la por nia asocio gravaj kursoj en Helsingör plene sukcesis, tiel ke la laborkomitato planis saman aranĝon por 1937-a. Entute por ĉi tiu jaro la estraro havas gravajn planojn pri kiuj IPR raportos (aŭ jam nun raportis). Mi ne povas ne mencii la aperadon intencitan de la materialo, bezonata por la gvidado de infankursoj. Tiu flanko de nia laboro havas la plenan atenton de la laborkomitato.

Gekolegoj, sufiĉu ĉi tiuj linioj. La libertempoj jam komenciĝas, kiam vi legas ĉi tiun „sekaĵon". Mi ne plu ĝenos viajn cerbojn, kiuj ŝatas ripozon kaj distriĝon. Mi nur petas vian bonvolan kunlaboron en nia asocio, kiam, post espereble sunplena ferio, vi denove startos, kune kun ni, al „Esperanto en la lernejon tutmondan". P. KORTE.

# Popolinstruistoj en Estonio.

Kiel ĵusveninto en Estonio mi iam vizitis la villaĝon K. Mi demandis iun pri la popolinstruisto, kies nomon mi konis. Daŭris iom da tempo, antaŭ ol la vilaĝano kaj mi interkonsentis pri la elparolo de la nomo, sed poste oni montris al mi, kie mi povos trovi la instruiston. Tiu venis al mi, blonda junulo, iomete embarasita pro sia vesto, ĉar li havis nudajn piedojn kaj jakon, kiu verŝajne estis patra heredaĵo. Montriĝis, ke li okupis sin per fojnorikolto kaj tial havis sian plej malbonan veston. Kun nudaj piedoj oni iras dum la somero, ŝparante tiel la ŝuojn.

Purecon kaj higienon oni depost la komenco de la libereco predikas kun preskaŭ religia fervoro en la estonaj lernejoj. La parolado de lerneja direktoro ĉe la komenco de la semestro povas grandparte temi pri la pureco koncerne la veston, kiun li atendas flanke de la junularo dum la venonta laborjaro. La knabineto en la unua klaso de la komenca lernejo estas kortuŝa, kiam ŝi solene elprenas la naztukon kaj laŭ instrukcio purigas la nazon. Okazas neekzercite kaj ceremonie, kun mieno kvazaŭ dependus la feliĉo de la patrujo de tiu ago.

Kaj certagrade ŝi ankaŭ pravas. La knabineto, kiu purigas la nazon per poŝtuko, kvankam ŝi nur estas filino de farmetisto, per tio solene pruvas, ke ŝi apartenas al la Okcidento kaj ne al Azio, al la libera Estonio kaj ne al Rusujo. Ŝiaj gepatroj ankoraŭ apartenis al la sankta regno de la rusoj, kiu kun sia nekalkulebla nombro da popoloj, lingvoj kaj religioj havis grandan signon da unueco : la cimoj, kiuj laŭdire ne mankis en iu palaco aŭ kabanaĉo de Haapsalu ĝis Vladivostok. Kaj kiam ŝi aŭdas sian instruiston, kiu en la lernejo estas tre dece vestita, paroli pri pureco kaj ordo, li faras tion per la sama solena tono, per kiu li parolas pri la patrujo.

Pureco - escepte la aeron, ĉar tiu en la estonaj lernejoj estas terura - estas la unua karakterizaĵo, kiu renkontas la fremdan vizitanton. La alia, kiu formas la kortuŝan fonon de la pureco, estas la malriĉeco. La instruisto ne havas brilan salajron. Se li estas lernejestro, li rajtas havi grundon, sur kiu li povas bredi bovinon. Estas do precipe la lernejestroj, kiujn oni somere renkontas kun nudaj piedoj sur la herbejoj. Kaj iliaj edzinoj melkas la bovinojn.

La lernejo ofte ankoraŭ ne estas preta. La internaj muroj eble kousistas nur el trunkoj kaj la musko kaj la stupo pendas kiel franĝoj inter la trabegoj. Kartostablo, montrobastono, ŝuskrapilo kaj aliaj inventaraĵoj estas faritaĵoj de la infanoj. Jes, multfoje ankaŭ la kartoj. Sed progresas jaron post jaro. Finfine la lernejo estos preta !

Per unu vorto, la estona popolinstruisto vivas en tiaj eksteraj cirkonstancoj, kie la vera entuziasmo por la tasko prosperas. Li havas bonan kontakton kun tiu popolo por kiu li laboras, ĉar ĉe li

kiel ĉe ĝi estas granda kaj serioza problemo, kial ekz. tute ne povas pluvi; kaj la manoj de lia edzino estas kalaj kaj odoras de melkvarma lakto kiel tiuj de la kamparanedzinoj. Li vidas, ke lia laboro estas necesa, ĉar ekzistas ankoraŭ tro multe da Azio inter la limoj de Estonio. Kaj li ordinare povas ĝoji pro videblaj fruktoj de sia penado, ĉar en malmultaj regionoj de la mondo la kleravido estas tiel granda kiel en Estonio.

Dum la vesperoj la instruisto de la vilaĝo laboras pri la kanthoro, la sporta societo, la studrondo kaj ĉio alia, kion li irigis. Kutime estas sufiĉe multe.

Lia lernejo staras sub pajlotegmento. Ĝi havas mesaĝon al la riĉaj landoj en la okcidento: klereco ne konsistas el poluritaj ungoj, kulturo ne estas kondukaĵo por varma akvo aŭ akvoklozeto, nobleco ne estas identa kun sento por komforto. Se iu rajtas la nomon klereca batalanto kaj kultura pioniro, estas li, la instruisto-nudpiedulo, kiu enŝovas la furaĝon de sia bovino en la lerneja subtegmento.

SVEN DANELL.

---

# Internacia Geografia Instruado.

La geografia instruado konsistas el topografio kaj priskribo de la landoj.

La topografio ne multe ŝanĝiĝas. Nur malofte ŝanĝiĝas nomo de urbo, rivero, monto. Ekzemplo de tia ŝanĝo estas la ĉefurbo de Norvegujo Oslo; antaŭe mi lernis Christiania.

La priskribo de la landoj preskaŭ ĉiujare ŝanĝiĝas. La serioza instruisto ĉiam atente legas sian ĵurnalon. Li restas ĉiam freŝe informita pri ŝanĝoj en aliaj landoj. Sed instruisto estas homo. Li ne estas maŝino, kiu redonas ĉion, kion oni enmetas en ĝin. Li do kelkfoje legas pri ŝanĝo en iu lando — kaj forgesas ĝin — kaj instruas al siaj gelernantoj ne plu geografion estantan sed estintan.

Eble iu seriozega kolego diros: „Kiam mi legas pri iu ŝanĝo, mi tuj korektas tion en mia geografia lernolibro."

Bonege! Sed mi ne estas tiel seriozega! Kaj kiam la redakcio de lia ĵurnalo ne aŭdis, aŭ eble forgesis iun ŝanĝon, ankaŭ nia tre estimata seriozega kolego malkorekte instruas!

Post pritraktado de ĉi tiu temo kun nia Laborkomitato, ĉi tiu komitato komisiis min fari projekton por helpi la internacian geinstruistaron en la korekta priskribo de la landoj. Mi iris hejmen kaj pripensis ĉi tiun taskon.

Mia konkludo estis: Pri Nederlando mi povas helpi, pri la aliaj landoj alia instruisto faru tion.

Sed, laŭ kiu metodo ni laboru?

Ni nur instruas ĉefaferojn pri fremdaj landoj. Do, ni nur bezonas koncizajn, sed aktualajn informojn.

Subite kaptis min ideo: Ekzistas fotokartoj! Ili estas malmultekostaj. Mi elektu dekdu karakterizajn fotokartojn pri Nederlando kaj verku dorsflanke priskribon klarigan.

Ekzemple, ĉi tie estas bela fotografaĵo kun priskribo, kiu estos dorsflanke de la fotokarto.



La okcidenta parto de Nederlando estas pli malalta ol la nivelo de la akvo en la maro. Kompreneble la pluvakvo ne nature forfluas. Oni devas ĝin suprenpumpi en almaran kanalon per pumpilo. Tia ilo estas la muelilo, kiun vi vidas sur la fotokarto. La kvar aloj estas movataj de la vento.

Do la naturo sendas la akvon, kaj ankaŭ eligas ĝin. Sed la naturo ne ĉiam estas helpopreta. Kaj pro tio oni konstruis tre grandajn elektro — kaj vapor — drenmaŝinojn (kapacito po 500 m³. ĉiuminute; kelkaj eĉ havas 8 pumpilojn — kapacito do po 4000 m³. ĉiuminute). La lastajn jardekojn oni anstataŭigas multajn ventmuelilojn per drenmaŝinoj.

Mi nun pretigis dek-du fotokartojn. Mi ne celas la ordinarajn bildkartojn. La fotokartoj estas samgrandaj, sed ili aspektas tute kiel fotografaĵoj; dorsflanke la priskriboj. Ĉi tiuj priskriboj kune enhavas koncizan geografion pri Nederlando. La fotokartoj estas bone uzeblaj en projekcia aparato. Mi povas sendi afrankite la 12. fotokartojn (unua serio), al ĉiu, kiu sendas al mi 6 poŝtrespondkuponojn.

Jen la plej nova servo de nia asocio. Ke ĝi kreskigu la intereson pri TAGE inter la geinstruistaro.

J. HOGENKAMP, Lernejestro
2e Exloërmond (W.) Nederlando.



Ĉi tiu bildo montras la lernantinojn de la sesa Knabina Liceo en Tokio, kiuj studas Esperanton. Dank' al la energia propagando de nia japana kolego kaj T. A. G. E.-reprezentanto, S-ro Iŝiguro (staranta dekstre), la estro de la liceo, S-ro Maruyama (sidas meze), decidis enkonduki Esp. en la instruplanon. Maldekstre staras kaj dekstre sidas du ĉefinstruistoj. La knabinoj (13—21 jaraj) volonte korespondos kun samaĝaj alilandaninoj. Skribu pri tio al nia japana reprezentanto.

(kliŝon afable pruntis al ni „La Praktiko".)

# Usono.

## Modernaj problemoj de mezlernejaj instruistoj en Usono.

La statistiko konstatas ke Usono havas la unuan rangon en la procento de gejunuloj en mezlernejoj. Kompreneble, la plimulto estas en publikaj „high schools", sed multaj ricevas instruon en privataj lernejoj, komercaj kaj industriaj lernejoj, kaj en romkatolikaj institucioj. Dum la dudeka jarcento ĉi tiu procento estas kreskinta konstante. Nenecese estas diri ke tia tendenco kunportas siajn propraspecajn problemojn.

Antaŭ la kresko de ĉi tiu ega popola volo por edukado, estis proporcie tre malmultaj da mezlernejaj diplomitoj en la lando.

Tiuj kiuj sukcesis akiri duagradan edukadon estis ordinare de alta inteligenteca nivelo. Do la geinstruistoj havis relative malmultnombrajn lernantarojn de pli ol ordinara inteligenteco.

Sed kun la alta procento jam menciita venis *proporcie falanta inteligenteca nivelo.* Vole - nevole la instruistoj deviĝis alkonformigi kaj metodojn kaj instrumaterialon. Dum la lasta jardeko la ekonomia krizo sendis milojn da gejunuloj en la mezlernejojn por plimultigi jam grandan nombron kaj plue malaltigi la nivelon de inteligenteco. Tute memkompreneble la lando bezonis pli multe da instruistoj — sed ofte ne estis sufiĉe da mono por pagi tiujn jam laborantajn!

Male, la plimulto de la salajroj estis plimalaltigitaj, kaj preskaŭ ĉiuj lernantaroj konstante plimultnombriĝis, tiel ke vera, porindividua instruo fariĝis preskaŭ, se ne tute, neebla.

Unu el la plej bedaŭrindaj rezultoj de ĉio ĉi estis ke la lernanto de altranga inteligenteco ne povis havigi al si tiel multe da instruo kaj klerigado kiel li kapablis absorbi. Alivorte, en sia lerneja laboro li devis „atendi" tiujn de malpli da inteligenteco.

Kiuj estas la implikoj se oni komparas Eŭropon kaj Usonon? Estas du. Unue, estas preskaŭ certe ke tipa usonano de meza aŭ malalta socia kaj vivada nivelo havas pli multe da edukado ol samranga eŭropano. Due, estas ankaŭ preskaŭ certe, ke tipa usonano de alta inteligenteco havas *malpli* da edukado ol samnivela eŭropano.

Verŝajne, nia teorio estas doni kiel eble plej multe da instruado al kiel eble plej multaj usonanoj, laŭnecese malpliigante la kvanton da klerigado, kiu laŭrajte devus esti donata al la plej inteligentaj lernantoj.

Estas espereble; kaj la jam pliboniĝantaj ekonomiaj kondiĉoj helpos solvi la problemon, kunportante sufiĉe da novaj instruistoj, kaj eble forprenante la lernantojn de malalta inteligenteca nivelo por doni ilin al industrio aŭ agrikulturo. Unu pruvo de pliboniĝo estas jam plialtiĝantaj salajroj por instruistoj.

Estas tre eble ke la eŭropaj instruistoj de la hodiaŭo nun komencas konsciiĝi pri tia niveliĝa tendenco, kia sentigis sin en Usono

jam en la komenco de ĉi tiu jarcento. Estas preskaŭ neevitebla problemo de konstante plidemokratiĝanta edukado.

LEMUEL J. MC CAULLEY,
instruisto de la hispana lingvo en la mezlernejo de Haddonfield, New Jersey.

---

# Anglujo.

## Internacia Esperanta Libertempo Por Lernantinoj.

La internacian amikecon kaj pacon oni antaŭenpuŝis dum la Paska semajno per interesa eksperimento organizita en Northfield, Birminghamo, Anglujo.

Tie en Tinker's Farm Popollernejo, oni faris historion per internacia Esperanta vizitado inter lernantinoj, la unua en la lando.

La vizitantoj, kies aĝoj estis 11—16 jaroj nombriĝis deknaŭ, kaj enhavis knabinojn el Francujo, Kimrujo kaj Polujo, do, inkluzive de la angloj knabinoj, kiuj estis gastigantinoj, junulinoj el kvar nacioj interkonatiĝis per unu lingvo — Esperanto.

En Tinker's Farm Lernejo, tui-ĉi temo sin trovas en la lecionaro, kaj depost kelkaj monatoj la knabinoj korespondadas kun la fremdulinoj Esperantlingve. Estis, do, granda ĝojo kiani tiuj-ĉi „plumamikoj" povis vere renkontiĝi, kaj kune pasigi la libertempan semajnon en la Northfield Lernejo, kiun la Birminghama Edukestraro bonvole pruntedonis. Du klasĉambrojn oni uzis kiel dormejojn, kaj estis permesate ankaŭ ke kelkaj el la anglaj knabinoj dormu tie kun la vizitantoj. La halo aspektis gaja kun garnaĵoj verdaj kaj blankaj — la koloroj Esperantaj, kaj ĉiu ĉambro portis nomon Esperante skribitan.

Oni aranĝis programon tre varian, kiu enhavis ekskursojn al Stratford on Avon, la Lickey Montetoj, Birminghamo kaj la Cadbury ĉokolado-fabrikejo; dum la vesperoj estis festetoj, ekzemple, Esperantaj ludoj, komuna kantado, lumbildoj — kun ĉiuj klarigoj Esperantlingve — naciaj dancoj, kaj Esperantaj teatraĵoj kaj ŝaradoj. Ĉiu grupo helpis kun la vesperaj festetoj, kaj unu fojon estis rimarkinde vidi la esprimojn de surprizo kaj ĝojo sur la vizaĝoj de la fremduloj kiam la anglaj knabinoj gimnastikis!

Paskan Dimanĉon oni havis simplan diservon en La Halo de la lernejo, kun ĉapitroj el la Sankta Biblio kaj ĉiuj la himnoj kaj preĝoj Esperantlingve.

Unu el la plej rimarkindaj trajtoj de tiu ĉi libertempa-lernejo estis la rapideco per kiu la knabinoj sukcesis interkompreniĝi per la internacia lingvo. La plej multaj el la vizitantoj tute ne sciis la anglan lingvon, kaj kelkaj el la knabinoj lernas Esperanton depost

malpli ol du jaroj, tamen, post la unuaj horoj de sinretireco, ili sukcesis interparoli libere, kaj je la dua tago ili memevidente estis farantaj veran amikecon.

La gepatroj de la anglaj knabinoj tre interesiĝis pri la eksperimento, kaj partoprenis en la sukceson, ĉar ili helpis pri la laboro, kaj la kuirado kaj sendis donacojn. Unu tagon ĉiu vizitanto iris al la domo de sia korespondantino por la temanĝo anstataŭ ol temanĝi en la lerneja manĝejo.

Je la fino de la semajno tute ne povis ekzisti dubo pri la fakto ke Esperanto provizas klaran rimedon per kiu oni povas fondi veran senton de internacia bonvolo.

Vendredon vespere, kiam okazis la granda fino, je kiu ĉiuj la vizitantoj portis la naciojn kostumojn, oni laŭtlegis salutojn de Esperantistoj en Svedujo, Nederlando, Francujo, Danlando, Kimrujo, Angluja, kaj Ĉehoslavakio, kiuj ĉiuj sendis leterojn aŭ telegramojn kun salutoj al la gastejo.

Al Tinkers-Farm-Lernejo mem la vizitantoj donis belan danacon de ligna florujo kiu havos Esperantan surskribon kiel memoraĵon de la okazo.

Tiu-ĉi Esperanta libertempa lernejo ne estis nure senpripensa eksperimento, sed unu el la multnombraj klopodoj kiuj estas farataj por kunigi, en spirito de paco kaj bonvolo, gevirojn kaj geknabojn el diversaj landoj per komuna lingvo. N. S.

---

Dmitrij Ĉyĵevŝkyj:

# Nova trovaĵo de Komensky-skribaĵoj.

Laŭ slovaklingva traduko el manuskripto farita de Dro Stan. Meĉiar kaj aperigita en „Slovenské pohlady" — Slovakaj observoj — marta numero 1935.

Kiel oni scias, la literatura heredaĵo de Jan Amos Komensky estas disŝutita en la tuta mondo. Ties kaŭzo estas parte la sorto de elmigrinto, kiu estis tro kunligita kun la naskotero kaj kiu tiel forte kredis je reveno, se eĉ ne je la propra, sed almenaŭ je tiu de siaj partianoj, ke nenie li povis serĉi nek trovi duan veran patrujon. Parte ties kialo estas ankaŭ en tio, ke Komensky estis kreanto de aktualaj verkoj certasence, ke poste ili perdis sian signifon kaj ĝuste tial certagrade aŭ plene ili falis en forgeson. Kaj fine li eĉ ne povis ĉion publikigi. Komensky verkis tre multe kaj tre diversajn verkaĵojn. Kaj krome multaj el liaj skribaĵoj estis religi-polemikaj, kiujn liaj kontraŭuloj intence detruis... Do: se oni volas pristudi Komensky, oni devas pen-pene serĉadi en diversaj bibliotekoj por trovi liajn rarajn, plej ofte nur en ununura ekzemplero troveblajn skribaĵojn. Kiam oni volas studakiri ankaŭ liajn neaperigitajn manuskriptojn, oni devas fakte travojaĝi se eĉ ne la tutan mondon, sed ĉiukaze la tutan Eŭropon, ĉar iuj manuskriptoj troviĝas en Londono, aliaj en Leningrado. La cetero estas disŝutita inter tiuj ĉi ekstremoj de Eŭropo.

Krome pri la pedagogia agado de Komensky oni scias ĉie ion alian; krom Hus li ja estas sendube la plej konata Ĉeho en la tutmondo. Ion oni scias pri li ankaŭ kiel

religia gvidanto de Ĉeĥaj Fratoj. Sed kiam oni krom tiuj ĉi eksteraĵe ĝeneralaj konoj volas klare prezenti al si lian personecon, tiam oni tuj trovas grandajn malfacilaĵojn.

Kiom Komensky estas sobra kaj pozitiva en siaj pedagogiaj instruoj, oni komparis tiun ĉi sobrecon — ne tute maljuste — kun la skeptika empiriismo de lia epoko; sed liaj plej ĉefaj interesoj havas esence religian fundamenton kaj lia homec-idealo estas ankaŭ en esenca kontraŭeco kun tiu de la empiriistoj. Kiam Komensky volis fondi sian edukinstruon je „sperto", li konsideris precipe la „naturecon" de la edukato kaj tiu ĉi lia nocio de „sperto" kaj precipe tiu de „natureco" estas pli proksima al la respondaj nocioj de racionalistoj de la XVII-a jarcento ol tiuj de la empiriistoj (tion montris antaŭnelonge en sia eminenta verko D. Muhnke, la germana Leibnitz-esploranto). Komensky estis gvida personeco de la evangeliana eklezio de Ĉeĥaj Fratoj kaj lia rilato al la mistikistoj, kiujn oni apenaŭ povas engrupigi en iun konfesion, povis ja esti same malproksima kiel ankaŭ proksima (pri la rilato de Komensky al Böhme tre emfaze atentigis nin Ján Kvaĉala la senlaca slovaka esplorinto de Komensky) sed Komensky ne vane vivis dekojn da jaroj en la edeno de la mistikistoj — en Holando, kaj krome li provis starigi la Ĉeĥajn Fratojn en genezan rilaton kun la orienta eklezio, precipe en la pasinto; kaj la katolikoj ne eraris montrante, ke la simbola trezoro en la mistikaj verkoj de Komensky dependas je la simbolaro de la katolika literaturo. Sed ĉio ĉi tio absolute ne pruvas, ke Komensky estus figuro interne malcerta, malklara kaj malforta, kiu sensisteme kaj sen klasigo ĉerpas ĉion kaj deĉiuflanke. Tamen li nur malofte penetris en sia verkaro ĝis la esencaj demandoj de siaj filozofia kaj religia mondkonceptoj por fari ilin al ni tute klaraj.

Nia lasta propozicio plene respondas la realecon. Tamen ni faris maljustaĵon kontraŭ Komensky. Vere ni posedas de li nenian priskribon de lia filozofia sistemo. Sed li tian sistemon havis. Eĉ pli, Komensky kelkfoje ankaŭ provis detale disvolvi tiun ĉi sistemon. Sed la eksperimento disvolvi ĝin en la tielnomata Pansofia estis detruita per la flamoj de brulego en Leŝno.

Nu, Komensky ne malesperiĝis tiom facile kaj ne kunplektis la manojn nenifare. Jam en la jaro 1656-a li publikigis en Holando la unuajn prologajn partojn de la Pansofia, kiuj propre ankoraŭ ne enhavis la „tutsciencon"; ili estas mallongaj kaj ampleksas nur kelke da presfolioj. La Pansofia ne estis ankoraŭ preta; ĝi estis sekvota nur pli poste. Sed dum vivo de Komensky ĝi jam ne atingis la presejon. Tamen kelkajn jardekojn post lia morto la Halle-aj pietistoj publikigas la historion de la Ĉeĥaj Fratoj; tiuj ĉi pietistoj tre vigle interesiĝis pri la religia vivo de Slavoj kaj pli poste ili mem eldonadis ĉeĥajn eĉ rusajn skribaĵojn, ili estis en vigla kontakto kun la ĉeĥaj ekzilitoj en Germanujo eĉ kun iuj rondoj polaj; kiel suplementon al la historio de Ĉeĥaj Fratoj la eldonisto, profesoro Buddeus en Jena, aldonis du prologajn Pansofia-partojn; en la enkonduko li skribas, ke li volonte eldonos ankaŭ la ceterajn partojn, se la verko vekos intereson. Eble al „klerulaj" samtempuloj mankis intereso, aŭ la Halle-aj pietistoj ne havis monon por mirinda praktik-filantropia agado kaj eldonado de praktikaj verkoj klerigaj. Oni tion ne scias. Tutcerte la ceteraj partoj ne aperis. Kaj la manuskripto, kiun al Halle portis Justus Docemius, ne plu troviĝis.

La senlaca Kvaĉala trovis ne unu Komenskymanuskripton, ankaŭ St. Sauĉek kaj aliaj esplorintoj multon malkovris. Antaŭ kelke da jaroj en Leningrado — kiel oni povas juĝi laŭ sciigoj — oni trovis pli da ampleksaj manuskriptoj de Komensky el liaj pli junaj jaroj. Postsignojn pri la Pansofia oni trovis ankaŭ en tiuj ĉi skribaĵoj: Kvaĉala trovis en Londono pli da leteroj, kiuj enhavis planojn: motojn, ĉapitro-titolojn, skizojn al la ceteraj partoj de la Pansofia. La hipotezo estis nun tre proksime: La laboro de Komensky super la Pansofia ne progresis plu de tiuj ĉi unuaj planoj. Ja la maljuna pensulo en lastaj jaroj de sia vivo krome laboris super diversaj traktatoj kaj li tiom multe verkis kaj publikigis, ke por Pansofia li ne havis tempon. Krome Komensky la Pansofion kunigis kun ne unu praktika plano, kaj tiuj ĉi planoj povis tute fiaski. Plue Komensky jam pli frue intencis fini la laboron super la Pansofia helpe de rondo kunlaborantista, sed tiajn ĉi kunlaborantojn li ne trovis. Unuvorte, montriĝis grandaj malfacilaĵoj eksteraj, kaj da internaj estis ankaŭ sufiĉe: ĉar plano,

verki „libron de libroj", ellabori sciencon kiu ampleksus ĉiujn sciencojn. ŝajnas al ni eĉ hodiaŭ apenaŭ realigebla. Tiuj ĉi eksteraj kaj internaj malfacilaĵoj povis devigi eĉ homon de tia krea energio, kia estis Komensky, rezigni pri sia vivtasko. Almenaŭ parto de la Komeniologoj akceptis tiun ĉi opinion. Kelkiuj ankoraŭ parolas pri la „perdiĝinta" Pansofia-manuskripto (per melankolia propozicio pro la perdiĝintaj postsignoj de pansofia verko en Halle finiĝas, ekzemple, la koncerna ĉapitro de la plej bona kaj plej kompleta Komenskybiografio nuntempa tiu de Novak-Heindrich).

Sed la Pansofia estis finverkita kaj ĝi konserviĝis.

Kiam — serĉante slavajn kaj pri Slavoj temantajn manuskriptojn — mi estis esploranta en Halle la „Weisenhaŭs-Bibliotek"-on fonditan de la gvidanto de Halle-aj pietistoj Aŭgust Hermann, dum Kristnasko 1934-a mi trovis ankaŭ grandan manuskripton: Pansofia kaj Lexicon Pansoficus. Post traesploro de la munuskripto montriĝis, ke ĝi estas Komenskymanuskripto (laŭforme ĝuste tiu, kiun Docemius estas portinta al Halle).

Ĝi estas tre ampleksa kaj nun, kiam antaŭ ni kuŝas la neto enhavanta ĉirkaŭ 3.000 (tri mil) folipaĝojn, ni devas duoble admiri la kreoforton de Komensky.

Ankaŭ Lexicon Pansoficus estis al ni ne tute nekonata; ni ja sciis el la korespondaĵo de Komensky, ke li laboris super simila verko. (Komparu, Patera: Komenského korespondence, 245). Nun ankaŭ tiun ĉi verkon ni havas.

Nun kaj ĉi-loke oni ne povas trakti pri detala enhavo de ambaŭ verkoj. Ni faros sole kelke da rimarkoj pri ilia signifo koncerne niajn ideojn pri Komensky.

En pansofia klopodo Komensky ne estis ja izolita. Oni scias pri diversaj eksperimentoj eĉ pli da nerealigitaj planoj celantaj ellabori sciencon universalan. La fontoj de tiuj ĉi klopodoj estis tre diversaj. Parte ĝi estis fiero de la juna ekzakta scienco, kiu opiniis esti ampleksanta la tutmondon kaj kiu per siaj konoj volonte estus efikanta konvenforme al la ekstera mondo. Aliflanke ja profundaj religiaj motivoj devigis la novepokajn pensulojn-mistikistojn al planoj similaj: la mondkono por mistikistoj estas la vojo de Di-kono mem. Dion, kiu mem restadas en lumo neatingebla oni, povas ja — sed nur esceptokaze kaj pere de eksterordinara dia graco — ekkoni ankaŭ senpere: per vido mistika. Sed sian ekziston Dio — kiel ĝenerale tiun de ĉiuj estaĵoj — evidentigis en tri libroj; tiuj ĉi tri libroj estas: la mondo mem, la homa memo — tiu malgranda mondo — kaj la Biblio. En tiuj ĉi „tri libroj" ĉio estas paralela: se oni ekkonas la mondon kiel estaĵon, oni samtempe ekkonas sin mem, eĉ Dion. Cetere Komensky apartenis inter tiuj, kiuj eksterordinare taksis ĉi tiun teorion (la teorion, kiu ne estas ridinda, kvankam ĝi eble povas ŝajni tia al iu leganto kaj kiun mi volus almontri, ke ankaŭ Leibnitz, eĉ Kant, kaj krome ankaŭ kelkaj eminentaj filozofoj nuntempaj, ekzemple B. Husserl, enmulte dankas la tradicion de tiu ĉi doktrino); tion ni scias el liaj publikigitaj verkoj, ion el liaj pedagogiaj skribaĵoj kaj el la priskriboj de la pri-kona teorio aŭ el lia Via lucis. Pri tiu ĉi doktrino de Komensky eksterordinare interesiĝis ankaŭ Descartes (pri tio ĉi oni povas konvinkiĝi ekzemple el la verko de Muhnke). Cetere ĉi tiu instruo eĉ ne estis fremda al la ceteraj slavaj popoloj: ĝin ni trovas ankaŭ ĉe slovakaj filozofoj, ekzemple ĉe Hlaváĉ-Kephalides ankoraŭ en la XVII-a jarcento; precipe potence kaj detale ĝin priskribis la forgesita mistikisto Marholomäus Scleus (Scleus estis versimile Polo; bedaŭrinde en mia baldaŭ aperonta verko mi povos nur iom diri pri lia personeco); reprezentanto de tiu ĉi instruo ankoraŭ en la XVII-a jarcento estas ukrainia mistikisto Skovoroda; ni eĉ renkontiĝas kun ĝi ĉe disĉiploj de Ŝtur, *) ja nur preterfluge skizite. La Pansofia de Komensky staras plene je tiu ĉi mistika tradicio. Precipe nia nova trovaĵo prilumas la signifon de mistikaj elementoj ĉe Komensky.

Eksperimentoj ellabori Pansofion estis je tagordo precipe en la universaliga XIII-a

*) Ludovit Ŝtúr, unu el la fondintoj de slovaka lingvo literatura, slovaka Hegelano. La kerno de lia mondkoncepto estas jena: La vivo de la mondo estas batalo de la materio kontraŭ la spirito; la materio venkas en malnobleco, peko kaj malsaĝeco — la spirito en la religio, virto, scienco kaj arto. *Rimarko de la tradukinto.*

jarcento. Oni scias pri pansofiaj klopodoj de Paracelsus kaj liaj multnombraj partianoj; pansofia klopodo elfontis eĉ el la skolo de Jakobo Böhme. Ĉe pansofiaj laboroj Komensky-n helpis lia amiko Hartlib kaj — la tute forgesita ĉeĥa mistikistoekzilito J. S. Kozák. Estas skribitaj eĉ presitaj ankaŭ ties verkoj pansofiaj. Eĉ instruisto (en Klobouky, ĈSR), amiko de Komensky, Alsted multe okupiĝis pri tiuj ĉi aferoj, ni eĉ havas kelkajn verkojn de li, kiujn oni povas marki kiel pansofiajn.

Ĉe pansofiaj sistemoj ĉiam minacis granda danĝero, ke oni simple nur amasigas kataloge ampleksan kaj netolereble detalvastan amason da kolektitaj konoj, kiuj nur ekstere estas ordigitaj, sed interne ili mirige similas balaaĵejon.

La Pansofia de Komensky evitis ĉi tiun danĝeron. Eĉ se lia *Lexicon* estas preskaŭ nur katalogo (ĝi efektive eĉ ne volis esti io alia), lia *Pansofia* estas teorio de sciencoj, volanta ellabori sistemon de unuopaj scienc-principoj, eĉ tiun de ĉiu *ebla* mondo entute.

La Pansofia de Komensky do ne serĉas la vojon por koni la aĵojn elekstere (kiel tion faris multaj pansofiistoj kaj kompilis nur katalogojn el kolektita meterialo); tion li volas elinterne, pere de traesploro de principaj demandoj de ekzisto kvazaŭ diveni la Diajn konstruplanojn. Tra la mondo vojo al Dio - Komensky do ne identigas Dion kun la mondo; ĉe li filozofia problemo ne estas anstataŭigita per „mistera kono" — la danĝero en kiun falis la plejparto de la sekvantoj de Paracelsus kaj la tiel nomataj „ruĝkrucanoj".

Ĉi-sence la *Pansofia* estas efektive verko filozofia, kiu helpos nin tutcerte ekkoni ne nur la mondkoncept-fundamentojn de Komensky, sed ĝi ankaŭ multe klarigos la pensmanieron de la XVII-a jarcento. Gravas ankaŭ tio, ke pro la karaktero de tiu ĉi verko ni estos helpataj en la konvinko, ke Komensky — interalie — estis homo teorie pure pensanta kaj pura filozofo.

Ni ja scias, ke Komensky atendis de la Pansofia ankaŭ praktikajn efikojn; la tuta verko kun la prologaj kaj epilogaj partoj enhavas ankaŭ la „De rerum humanorum emendatione consultatio catolica". Jes ja ne vane estis la Pansofia por Komensky en rilato mistika: ĝi volis esti ŝtono en la konstruo de nova Jerusalemo: la Dia regno. La centeraj partoj de la manuskripto alportas eĉ multe da praktikaj, proponoj politikaj, antaŭ ĉio religi-politikaj eĉ lingva (Komensky proponas tie ĉi mondlingvon: „lingua catolica" — universala lingvo). Per tiu ĉi skribaĵo Komensky sin turnas al politikistoj, al korifeoj de la eklezioj kaj al sciencistoj eŭropaj (tion ja montras jam la titolo mem). Do la nova trovaĵo de Komensky-manuskriptoj ne de unu direkto prilumos al ni la figuron de Komensky kiel tiun de praktika batalanto.

Tre multon Komensky diris jam en siaj aliaj al ni konataj verkoj — eĉ se ne ĉiam en formo tiom ampleksa. Ion tute *novan* alportos, eble, nur unu parto de la trovita teksto.

El la slovaka tradukis
J. V. DOLINSKY.

# Bibliografio.



**La Vojo.** La federacio de lab. esp. en la regiono de la nederlanda lingvo, kiu pasintjare instruis en siaj kursoj preskaŭ 1000 infanojn nun eldonas infangazeton monatan por infanoj: „La Vojo". La numeroj formas kune lernolibron.

La lecionoj estas tre interesaj.

Al eksterlandaj instruantoj la Federacio disponigas *senpage* esperantan gvidilon kaj esp. tradukon de la nederlandlingvaj ekzercoj, por ke oni povu traduki ilin en sian gepatran lingvon. „La Vojo" havas duoblan valoron, ĉar krom la lecionoj ĝi prezentas internacian legaĵon por komencantoj kaj progresantoj.

Abonprezo por tuta jaro nur f 0.50 (eksterlande f 0.65 aŭ 5 respondkuponoj.

**Maria kaj la grupo.** Originala romano de EMBA. Antaŭ parolo de Julio Baghy. Li laŭdas la romanon.

Certe la esperantistoj pli alte taksos la opinion de Baghy ol mian. Sed mi konfesu, ke la kvereloj priskribitaj en ĉi tiu libro (verŝajne laŭvere) min naŭzis.

Eldonis: Literatura Mondo, Budapest. 1936.

B.


## La sekretariejo de I.E.L.

deziras ricevi kunlabore kun T.A.G.E. el ĉiuj landoj sciigojn pri tiuj aranĝoj, kiujn oni faris por akiri la enkondukon de esperanto en la lernejojn. Oni direktu siajn respondojn al Sro C. C. Goldsmih, 142, High Holborn, LONDON, W. C. 1, Anglujo, aŭ al la administranto de T.A.G.E.:

P. KORTE, Schoolstraat 13, VEENDAM, Nederlando.



S-ro GERARD oficiale komisiita en la pariza konferenco „Esp. en la moderna vivo" kiel reprezentanto de la Societo de la historiaj kaj geografiaj profesoroj de Francujo kaj de la komitatoj de franca folkloro:

Deziras interkonatiĝi, por interkorespondado, kun samfakaj grupoj, aŭ manke de ili, kun personoj (profesoroj, instruistoj aŭ amatoroj) interesiĝante pri historiaj, geografiaj, folkloraj demandoj. Li estus danka al tiuj samideanoj, kiuj povos transdoni al li adresojn, kaj enpresigi tiurilatajn demandajn anoncojn en ilia landa gazetaro.

Pli precize li deziras kolekti informojn pri la utileco kaj ebleco:

1. Internacie organizi METODAJN INTERŜANĜOJN DE GEOGRAFIA, historia, folklora dokumentaro kaj informaro precipe por instruistaro.
2. Internacie organizi RECENZAN KAJ TRADUKAN CENTRON pri geografiaj, historiaj, folkloraj artikoloj aŭ verkoj.
3. Krei esperantlingvan ĴURNALON aŭ plibone KOLEKTON de esperantlingvaj recenzoj aŭ verkoj, ĉu por fakuloj, ĉu por klerula publiko, pri la ĉi-supre montritaj demandoj.

Robert GERARD, profesoro,
75 Rue de Fagnières
CHALONS-sur-MARNE (Marne)
FRANCUJO.

# TURISMA PAĜO



## Karlskrona.

urbo de la maristoj, ĉefurbo de T.A.G.E., centro de interbalta kunlaboro, meze inter Helsingör kaj Varsovio. Pentrindaj stratetoj. Belega skeraro. Priskribita de Selma Lagerlöf. Bonegaj komunikaĵoj. Ĉiujn informojn donas la Turisttrafika Oficejo, **Karlskrona.** Svedujo.

## Helsingör, Danlando.

Bv. relegi la koncernan artikolon en I.P.R. no 4a, paĝ. 87a.

1. **Prepara kurso:** de 31.7 — 7.8 kaj 7.8 — 14.8., por kursgvidontoj.
2. **Perfektiga kurso:** de 31.7 — 7.8., por ĉiuj, kiuj jam partoprenis elementan kurson.
3. **Internacia Feria Semajno Esperantista** de 7.8 — 14.8. Ĝin povos ĉeesti ĉiu ajn.

Kostoj po entute nur 45.— dan. kron. aŭ 18.-fl. por kurso. (plena pensiono kun partopreno de kurso).

Petu informojn al: S-ro. **L. FRIIS.,** Thyrasvej 15. Aabyhöj (Danlando).

kaj por partopreno el Nederlando al:
f-ino. A. LAVERMAN, Molenpad 69, Leeuwarden.

**GMUNDEN, estas elektita kiel Esp. somerrestadejo.**
Ĝi situas sur unu el la plej belaj lokoj de la tiel nomata Salzkammergut en Aŭstrujo.

La prezoj estos tre malaltaj

Turnu vin al Esperanto-Varbad. Servo por Aŭstrio, Wien, I, kaj anoncu vin senpere al Hotel „Zum goldenen Schiff", Gmunden am Traŭnsee, Oberösterreich

## Balta semajno.

Inter la 25a kaj la 31a de julio oni aranĝos kampadsemajnon en belega loko inter kelkaj lagoj en blekinga arbaro.

La prezoj estas malaltaj.

Aliĝprezo estas 5 svedaj kronoj, sendotaj antaŭ la 17a de julio.

Sendu vian anoncon al S-ro K. L. NILSSON, Holmgatan 16c, Karlskrona, Svedujo.

## En la Esperanto-Domo, ARNHEM okazos.

1. Esperanto-kursoj, por komencantoj 12—17 Julio 1937.
2. Kurso pri la Esperanta-literaturo, 19—21 Julio 1937.
3. rondvojaĝo tra Nederlando, kun centro en Arnhem, 22—31 Julio 1937.
4. libertempado de Esp-istaj gejunuloj, 26 Julio—3 Aŭg. 1937.
5. jubilea semajno, 2—7 Aŭĝ. 1937.
6. internacia perfektiga kurso, 9—14 Aŭg. 1937.
7. seminario por Cseh-metodaj instruistoj, 16—21 Aŭg. 1937.

Adreso por aliĝoj kaj informptoj:
INTERNACIA CSEH-INSTITUTO DE ESPERANTO,
**Riouwstraat 172, Den Haag. Nederlando.**

**En „Kornmod", SILKEBORG, Danlando**

okazos 10-tagaj kursoj de la 17a—26a de Julio 1937.
Esperanto-kursoj por komencantoj.
Konversaciaj kursoj en Esperanto, angla kaj franca lingvoj.
Specialkursoj por instruistoj kaj infanoj.

**Vizitu la „ESPERANTAN SOMERAN LERNEJON" en**

Poissy, proks, de Parizo., de 5 — 26 Aŭgusto. Por geinstruistoj ĉiulandaj. Restado malkara. Oni vizitos la internacian ekspozicion.

Petu sciigojn al HENRI MICARD. instruisto.
Epineux-le-Seguin par Laval-Annexe (Mayenne) Francujo.

**Varsovio.** Polujo **Jubilea Kongreso**
**de 7.8—15.8.**

T. A. G. E. kunvenoj { Mardo, 10.8, unua kunsido je 9.30.
Vendredo, 13.8, dua kunsido je 12.00.

Tendaro de „INTERNACIO DE MILITRIFUZANTOJ" sur

# Tryllevaelde Strand

marbanejo ĉe la ŝoseo Kopenhago—Köge, 27 km. de Kopenhago; de 17.7—22.8.
Kostoj 15. dan. kron. por la tuta tendaro. Prelegoj, sporto, ekskursoj.
Informojn donas SVEND HAUGAARD, Kaerholmen. 1, 3.
VANLöSE. (Danujo)